# INTERNACIA MEDICINA REVUO



**Oficiala Organo de TUTMONDA ESPERANTISTA KURACISTA ASOCIO** (T. E. K. A.)

Monata ligilo de la kuracistoj, farmaciistoj, dentistoj kaj aliaj medecin-rilatantaj profesianoj.



HONORA PROTEKTANTARO

*Belgujo*: Profesoro I. GUNZBURG. — *Ceĥoslovakujo*: Profesoroj KADLICKY kaj OSTRĈIL. — *Danzigo*: P-ro PETRUSZKY. — *Francujo*: P-roj CALMETTE kaj RICHET. — *Germanujo*: P-roj H. STRAUSS kaj VIERORDT. — *Japanujo*: Profesoroj FUJINAMI, MOCHIZUKI, NISHI kaj OGATA. — *Polujo*: Profesoroj BUJWID kaj WRZOSEK. — *Sovetunio*: Profesoroj KABANOV, LYSENKOV, kaj SHCHERBAK.

ĈEFREDAKTORO : **Profesoro VANVERTS** (Lille).

KUNLABORANTARO

D-roj *Austerlitz* (Bardiow, Ĉeĥoslovakujo) ;
*Babadagly* (Kiev) ;
*Bartomeu* (Barcelona) ;
*Basov* (Ufa, Sovet-Unio) ;
*Bischitzky* (Praha) ;
*Blassberg* (Krakow) ;
*Boruchowicz* (Varsovio) ;
*Bremon Masgrau* (Barcelona) ;
*Briquet* (Lille) ;
*Bujwid* (Krakow) ;
*Bulyovszky* (Kiskunmajsa, Hungarujo) ;
*Justo del Campo* (Gijon, Hispanujo) ;
P-ro *Carbone Domenico* (Milano) ;
D-roj *Cucumi Tomohisa* (Tokio) ;
*Fels* (Lwow) ;
D-ino *Fomina Argunova* (Batum, Kaŭkazo) ;
D-ro *Goldbaum* (Warszawa) ;
P-ro *Gunzburg* (Anvers) ;
D-roj *Halamgyi* (Szombathely, Hungarujo) ;
*Iiduka* (Kioto) ;
*Jagi* (Kioto) ;
*Jurkowsky* (Kielce, Polujo) ;
D-to *Kalocsay* (Budapest) ;
D-ro *Kempeneers* (Bruxelles) ;
*Krenicki* (Varsovio) ;
*Lewinski* (Radziejow, Polujo) ;
*Link* (Saint-Louis, Usono) ;
D-roj *Lorand* (Budapest) ;
*Mackay* (Wellington, Novzelando) ;
*Maeder-Löffler* (St. Gallen) ;
Farm. *Maĥover* (Arkangelsk) ;
S-ro *Nicol* (Londono) ;
P-ro *Nishi* (Tokio) ;
D-roj *Omelskyj* (Cernauti, Rumanujo).
*Pace* (Spezia, Italujo) ;
*Parma* (Praha, Ĉeĥoslavakujo) ;
*Poncet* (Bourg-en-Bresse, Ain) ;
*Robin* (Warszawa) ;
S-ro *Rousseau* apotekisto (Bécon-les-Bruyères, Francujo) ;
D-roj *Rubinstein* (Torrington, Usono) ;
*Schwab* (Berlin) ;
*Stamatiadis* (Ateno) ;
*Tankow* (Sobakino, Sovet-Unio) ;
*Takacs* (Nagymaros, Hungarujo) ;
*Torres Carreras* (Barcelona) ;
*Uhlmann* (Basel) ;
*Ulman* (Mukaĉevo) ;
*Van Becelaere* (San Diego) ;
*Van der Biest* (Bruxelles) ;
S-ro *Willcoks* (Londono) ;
D-roj *Leono* kaj *Adam Zamenhof* (Warszawa) ; k. t. p.



REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO

**19, avenue Montjoie, UCCLE 3 (Belgujo)**

Poŝtĉekkonto : Bruxelles n° 28.14.51. — Telefono 44.53.11.

**10a Jaro** **N-ro 4** **Oktobro-Decembro 1932**

# CALCIUM-SANDOZ

La granda antaŭenpaŝo de la **Kalciterapio,**

per vojoj:

**STOMAKA**
bone tolerata kaj asimilata

**VEJNA**
rapida agado

**MUSKOLA**
je efikaj dozoj




FABRIKO DE ĤEMIAJ PRODUKTOJ antaŭe SANDOZ
BALE-BASEL (Svisujo).



# Efikaj klinike elprovitaj

## specialaj preparaĵoj de D-ro Richard Weiss

**Enkondukitaj en pli ol 50 landoj de la mondo**

**Virilinets mask.**

**Fertlinets fem.**

activigitaj, standardizitaj hormon-preparaĵoj por efika kontraŭbataladi de *trofruaj aperaĵoj de maljuniĝo neŭrastenio* k.t.p.

**Santuben**

laŭ prof. Wolff-Eisner por la trabaŭta kuracado de *tuberkulozo.*
20-jara praktiko en preskaŭ 20000 kazoj. Rekomendita i. a. de d-ro Besredka, Parizo, ĉefkuracisto d-ro Eckstein, d-ro Gunter, Londono.

**Leanogin-Dragées**

Aktivigita hormonpreparaĵo, ligita kun vegetaj ekstraktoj por kontraŭbatalo de *endokrina adipozo.*
En la *L-dragées* laŭ d-ro Weiss unuafoje estas prezentita hormonpreparaĵo sur scienca bazo, efike forigante la kaŭzojn de la adipozo.

**Pancresalets**

Pankreas - Hormon-Tablojdoj kontraŭ *diabeto sukera.* Unika aktivigita rimedo perbuŝe aplikebla por rapida redukto de la sukera eligo.

*Sciencaj literaturaĵoj kaj porkuracistaj specimenoj je dispono*

**D-ro Richard WEISS, fabrik. de farm. prepar., BERLIN, NW 6, Luisenstrasse 51**

# INTERNACIA MEDICINA REVUO

*Internacia Medicina Revuo* estante sendependa diskutejo, nek aprobas nek malaprobas la ideojn de siaj korespondantoj, kiuj sole respondas pri la opinioj esprimataj kun ilia subskribo.

La redakcio rezervas al si la rajton mallongigi la manuskriptojn kaj korekti ilin, sed nur laŭ lingva vidpunkto.

La senditaj tekstoj estu, se eble, skribitaj *permaŝine*; almenaŭ ili estu *klare* skribitaj. Ne publikigitaj ili ne estas resendataj. La aŭtoroj de originalaj artikoloj ricevos laŭeble 25 represiĝojn de sia verko.

Reproduktoj kaj tradukoj estas nur permesataj kun *indiko de deveno*.

## ENHAVO

### OFICIALAJ INFORMOJ



### ORIGINALAJ ARTIKOLOJ



### POR LA PRAKTIKISTOJ



### REFERATOJ



### DIVERSAĴOJ



PURKERSDORF APUD WIEN
SANATORIO WESTEND
14-hektara granda parko. 25 aŭto-minutoj de la Wiena Opero.
Moderna Sanigejo por internaj ŝtofŝanĝaj kaj nervaj malsanoj, Ŝtofŝanĝa laboratorio, Intestbano, Rentgeninstituto, Dieta kuirejo, ĉiu ajn komforto, Kuŝeja halo, Aer- kaj Sunbano kun sabla kuŝejo. Teatro.
Tel. Wien U 33.5.65. *Ĉefkuracisto: Med-Konsilanto D-ro Max BERLINER*

# Kompleta Kuracado de la Hepataj Malsanoj

kaj de la devenantaj Sindromoj.

**Opoterapioj hepata gala** kunmetitaj kun **GALFLUIGOJ** elektitaj




PILOLOJ kaj SOLVAĴO

**Ĥolelitiazo, Hepata nesufiĉeco, Familia Ĥolemio, Enterito, Intoksikadoj, Infektoj. Malsanoj de la varmlandoj, k.t.p.**

# Kuracado de Anemioj

**PER HEPATO**

Hemopojeza ekstrakto de HEPATO kaj PANBILINE




10 ĝis 20 premaĵoj po tage glutu po triono antaŭ la manĝadoj.

Por infanoj duona dozo.

# MALLAKSO, ENTERA AŬTOINTOKSIĜO

**ARTERIOSKLEROZO, FRUA MALJUNECO, k.t.p.**

*Ilia racia kuracado laŭ la lastaj sciencaj verkoj*




Panbiline kun gala ekstrakto gliceroza

**FLUIDAĴO POR KLISTEROJ AŬ SUPOZITORIOJ**

MEZA DOZADO : Unu supozitorio potage aŭ 2 kafkuleroj da fluida « Rectopanbiline » en 160 gr. da boligita varmeta akvo por konservota en rektumo kelkajn minutojn.

VENDADO ĈE ĈIUJ APOTEKISTOJ

Specimeno kaj literaturo : **Laboratorio de la PANBILINE**

(Citante I. M. R.) **ANNONAY (Ardèche France**

# OFICIALAJ INFORMOJ

## ALVOKO

*Per tiu ĉi kvara numero, ni finas la 10an ekzistjaron de I. M. R. Diversaj kaŭzoj malhelpis pli oftan eliron de la gazeto, el kiuj la plej grava estis la malagrabla mona situacio, kiu rezultis el la monda krizo. Falo de valutoj, malpermeso eksporti monon, ĝeneralaj ekonomiaj cirkonstancoj multe malpliigis niajn enspezojn. Krom tio, la aperigo de la* Medicina Vortaro *kostis al ni konsiderindan sumon, kiu forte premis nian buĝeton.*

*Ni tamen ne perdis la kuraĝon, kaj interkonsentite kun nia anoncperanto, S-ro Wittenberg, ni decidis eldoni ĉiumonate nian gazeton; ni tiamaniere akiros pli konsiderindan nombron da anoncantoj, kiu pligrandigos nian enspezon, kondiĉe ke sufiĉa intereso sin montru flanke de niaj abonantoj.*

*Ni do insiste petas vin, ke vi kiel eble plej rapide* pagu la kotizon por 1933. *Se vi ne pagis por la antaŭaj jaroj, profitu la okazon, pagu samtempe kaj vi tuj ricevos rilatajn membrokartojn kaj aperintajn numerojn. Al tiuj, kiuj tion povas fari, ni diras : « Helpu plivastigi kaj pliboniĝi nian gazeton, aliĝu kiel* subtenanta *membro* (3 dol.) *aŭ kiel* dumviva *membro* (25 dol.) *Kaj al ĉiuj ni diras : « Se vi ne jam posedas nian* Teknikan Medicinan Vortaron, *mendu ĝin samtempe ». Multaj TEKA-anoj plurfoje postulis la aperigon de la libro ; nun ĝi estas je ilia dispono, ke ili ĝin aĉetu ! Kaj por plifaciligi la aĉeton, ni decidis, ke tiuj, kiuj samtempe pagos la kotizon* 1933 *kaj mendos la vortaron, ĝuos* favoran kotizon, *kun rabato de* 50%, *tio signifas, ke ili pagos, por la Vortaro* 2 *dol., kaj por la kotizo* 1933 0.50 *dol. entute do* 2.50 *dol.*

*Dank'al la klopodoj de S-ro Wittenberg, ni sukcesis akiri por niaj membroj konsiderindan rabaton je aĉeto de* medicinaj libroj *kaj* aparatoj, *je abonado de* medicinaj gazetoj. *Ni do insiste petas vin, ke vi mendu pere de ni komence viajn germanajn librojn kaj gazetojn. Ni poste klopodos pliampleksigi tiun servon al diversaj landoj. Por ebligi al ni enkasigi abonon de sovetaj kolegoj, kiuj ne rajtas sendi monon eksterlanden ni ankaŭ petas niajn legantojn, kiuj abonas* sovetajn gazetojn, *aŭ bezonas* ruslingvajn librojn, *ke ili mendu ilin pere de ni. Tio kostos nenion al ili, sed havigos al ni enspezon tute neeblan sen ilia helpo. Tiu peto ankaŭ rilatas mendon de* esperantaj libroj eldonitaj en Sovetunio.

*Restas al ni ankoraŭ* unu peto : *por pruvi al niaj anoncantoj ke la anoncoj presitaj en I. M. R. ricevas eĥon, en diversaj landoj, ni deziras ke ĉiu leganto de la nuna alvoko tuj prenu poŝtkarton, kaj skribu citante I. M. R. al tiu el la multaj* anoncantoj *en I. M. R. kiu lin interesas por postuli alsendon de* literaturo kaj specimenoj *de la prezentita produktaĵo. Unu poŝtkarto : malgranda peno, malmulta kosto,* granda efiko : *sciinda materialo kaj renovigo de anonco en I. M. R. Tiel vi preskaŭ* senpage *akirigos monon al ni :* antaŭan dankon !

# ORIGINALAJ ARTIKOLOJ

## PROBLEMO DE LA TRANSDONO DE ENNASKITA SIFILISO

de D-ro M. KOLOMOJCEV (Tallinn, Estonujo).

616 -002.6 -056.7.

1) *Enkonduko*
2) *Stato de la problemo en la komenco de la XXa jarcento.*
3) *Placenta transdono de ennaskita sifiliso*
4) *Kondiĉoj influantaj ennaskitan sifilison*
5) *Ennaskita sifiliso de la tria generacio*

Krom infektaj malsanoj, sociaj kaj ekonomiaj kondiĉoj de la vivo, ankaŭ la sifiliso ludas gravan rolon en la degenerado de la homaro. Tiu malsano havas grandegan influon en la kreskantan organismon de l'infano. Sifiliso, same kiel tuberkulozo, povas esti transdonata al la idaro ne nur en la floranta stadio, sed ankaŭ en la kaŝitaj periodoj, kiam ni jam opinias, ke la malsano estas delonge malaperinta. Transdono de la malsano elvokas en la infanorganismo, ankoraŭ nenaskita, tutan serion da ŝanĝoj en organoj tre gravaj por la vivo; tiuj ŝanĝoj, ne harmoniantaj kun la vivo de la estonta infano, kaŭzas ĝian antaŭtempan morton. Se la infano naskiĝas viva, tiam ĝi ordinare ricevas ŝanĝojn specifajn de la malsano; sed tamen iafoje ĝi ricevas de siaj prauloj ne la saman malsanon, sed nur *sifilisan bazon* (kiel francoj diras). Sur tiu ĉi *sifilisa bazo* poste abunde ekfloras diversaj distrofiaj simptomoj, donantaj nesufiĉan evoluon de apartaj organoj kaj malfortigintaj ilian funkcion. Ofte malsano aperas en la juneco, influante plej parte la nervan sistemon; fine sifiliso povas esti transdonata al la nepoj kaj pranepoj, kio kondukas, kiel prave rimarkas ROSEN, al la degeneracio de la tuta loĝantaro. Eltrovo de la pala spiroĥeto, vasta aplikado de RWa (reago de Wassermann), ebleco per eksperimenta vojo infekti bestojn, ĉi ĉio kune donas certan sistemon por studi la transdonon de tiu ĉi infekto al la idaro. Tamen, tie ĉi ekzistas multaj neklaraĵoj, neniel ricevantaj sciencan konfirmon.

Problemo de la transdono de la sifiliso al la idaro estis dum la antaŭaj kelkaj jarcentoj la objekto de la disputado de multaj sciencaj eminentuloj (Torello 1498, Kutaneus 1516, Paracelsius 1529, Terarius 1533, Raulin 1768, Sanché 1785, Gunter XVIIIa jarcento,

(*) La nomo « Ennaskita sifiliso » estas le plej konvena, respondante niajn nuntempajn konojn pri la nura placenta transdono de l'sifiliso. La nomoj « lues congenita » kaj « lues hereditaria » bazintaj sur la malnovaj teorioj, ne estas plu uzindaj.

Swedio XVIIIa jarcento, Colles 1837.) kaj al la komenco de la XXa jarcento ĝi klariĝis en 3 eblecojn :

1. *Germinata teorio :*

Sifiliso povas esti transdonata al la feto dank'al la senpera infekto de ovulo aŭ spermozoo.

2. *Elpatra infekto* (Hochsinger) :

Eble, ke la spermozoo ne estas portanto de la sifilisa veneno, sed ke tiu ĉi veneno estas miksita kun spermo (Neisser, Pinard), do infekto okazas autaŭ aŭ post la fekundigo.

3. *Elpatrina infekto :*

Transdono per placento (teorio de Matzenaŭer).

Kontraŭ germinata teorio, laŭ opinio de Matzenaŭer, parolas la fakto, ke nek la homoj, nek la bestoj havas ian infektan malsanon, kiu ne transdoniĝas per placento; estas konate nuntempe, ke la spermozoo ne povas enhavi la palan spiroĥeton, kiu laŭ grandeco estas 2-3 fojojn pli granda, ol spermozoo mem. Se ni eĉ supozos, ke nematura spiroĥeto povus enlokigi sin en spermozoon kaj poste eniri en ovan ĉelon (ovulo), tiam tiuj ovoj, en kiuj vivas parazitoj, estas ne kapablaj por normala evoluo, kiel tion montras spertoj kun bestoj. Ĉu la embrio povas infektiĝi en utero per la spermo? Ne, ĉar la orifico interna de la cervika kanalo de la utero jam tre frue fermiĝas per kreskantaj fetaj kapsuloj. Laŭ opinio de Matzenaŭer kaj de Rietschel, la unuaj du teorioj estas nur hipotezoj. Do, nun estas pruvita nur la tria teorio, t. e. *transdono per placento.*

Por tio estas klinikaj observoj, ekzemple, apero de l'ennaskita sifiliso, kiam la patrino infektiĝis post la fekundigo; kaj ankaŭ por tio estas regulaj esploroj pri la ĉeesto de spiroĥetoj. Laŭ la leĝo de Colles-Baumé, kunmetita sur la bazo de la unua kaj de la dua teorioj, povas okazi, ke ĉe tute sana patrino naskiĝas infano kun sifiliso, kiun ĝi ricevis de la patra spermo. Laŭ supre nomita leĝo : la patrino restas ordinare sana tial, ĉar ŝi ricevas de sia infano imunecon al sifiliso. Sed tamen tio ĉi ne estas ĝusta : nuntempe ni precize scias, ke en tiuj ĉi okazoj la « sanaj » patrinoj efektive ne estas imunaj, sed malsanaj je kaŝita (latenta) sifiliso; oni trovis ĉe tiaj patrinoj spiroĥetojn ne nur en placento, sed ankaŭ en la limfaj glandoj. Ni ankaŭ scias, ke la virinoj kun latenta sifiliso povas dum multaj jaroj ŝajni tute sanaj. Laŭ statistiko de Reuben, RWa (reago de Wassermann) estas pozitiva en 72% ĉe patrinoj, ŝajnantaj sen simptomoj de l'malsano; laŭ Baŭer, pozitiva RWa estis ricevata eĉ ĝis 100% kaj ĝis 97% estis ricevata de Moskva Ŝtata Scienca Instituto. *Kiel sifilisa feto ne povas imunigi patrinon, same infano, naskita de sifilisa patrino, ne estas imuna.* Pro tio la patrino devas mem mamnutri sian infanon kun ennaskita sifiliso.

Unuan fojon ĉeesto de spiroĥetoj en la placento estis pruvita de Schaŭdin. Laŭ Baisch, spiroĥetoj troviĝas sufiĉe ofte ankaŭ en patrina parto de l'placento ĉe patrinoj, kiuj, naskante sifilisajn infanojn, estis mem sen ŝajnaj simptomoj kaj kiuj mem ne sciis, ke ili estis malsanaj. En la umbiliko de sifilisaj infanoj multaj aŭtoroj tro-

vis spiroĥetojn ĝis 100%. Transdono de la sifiliso per placento povas okazi per du vojoj :

1) Spiroĥetoj enpenetras infanan organismon kiel embolo tra la vejno umbilika.

2) Aŭ tra limfaj fendoj de umbilikaj sangvazoj.

Plej ofte, la sifiliso transdoniĝas al idaro dum la unuaj tri jaroj post infektigo de la gepatroj, kompreneble, la unua jaro donas maksimumon de infaninfektigoj ; dum tiu ĉi tempo okazas granda kvanto da abortoj kaj mortnaskoj. Post la unuaj jaroj transdono de la sifiliso estas pli malofta kaj almenaŭ plimalfortiĝas. Ebleco de infektigo malaperas ĉe viroj pli frue ol ĉe virinoj. Ju pli malmulte da tempo estas pasinta inter la momento de l'infektigo de l'patrino kaj de la fekundigo, des pli forte tiam influas la sifiliso la idaron. Do, laŭ tio




FIG. 1. — *Influo de vivkondiĉoj kaj kuracado sur la grado de ennaskita sifiliso.*

A. — Virinoj sifilisaj, vivantaj en la malbonaj kondiĉoj, ekster l'edzeco kaj preskaŭ sen kuracado (3 % sanaj infanoj ; 46 % vivaj infanoj kun simptomoj ; 51 % abortoj kaj mortnaskoj).

B. — Virinoj sifilisaj, edzinoj, en la vivkondiĉoj iom pli bonaj, ne sufiĉe sin kuracintaj (10 % sanaj infanoj ; 44 % vivaj infanoj kun simptomoj ; 46% abortoj kaj mortnaskoj).

C. — Virinoj sifilisaj, vivantaj en bonaj kondiĉoj, en edzeco, laŭsisteme sin kuracintaj (70 % sanaj infanoj ; 20 % vivaj infanoj kun simptomoj ; 10 % abortoj kaj mortnaskoj).




FIG. 2. — *Influo de la malsano de la patro aŭ de la patrino sur la grado de ennaskita sifiliso.*

A. — Familioj, kie la patro estas sifilisa kaj la patrino sen ŝajnaj simptomoj (20 % sanaj infanoj ; 55 % vivaj infanoj kun simptomoj ; 25 % abortoj kaj mortnaskoj).

B. — Familioj, kie la patrino estas sifilisa kaj la patro sen ŝajnaj simptomoj (5 % sanaj infanoj ; 44 % vivaj infanoj kun simptomoj ; 51 % abortoj kaj mortnaskoj).

C. — Familioj, kie la patro kaj la patrino samtempe havas sifilisajn simptomojn (30 % vivaj infanoj kun simptomoj kaj 70 % abortoj kaj mortnaskoj).

# MENDU

## Teknikan Medicinan Vortaron

**(Prezo : 2 dol.)**

viajn germanajn medicinajn

GAZETOJN KAJ LIBROJN

ĉiuspecajn eldonaĵojn

el Sovetunio

Pere de

LIBREJA FAKO

de

I. M. R.

kaj pagu samtempe

VIAN ABONON POR 1933

## Universala Esperanto-Asocio

**celas:**

*Disvastigi* la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto.

*Plifaciligi* la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo.

*Krei* internaciajn servojn uzeblajn de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio.

*Kreskigi* inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon por fremdaj popoloj.

La Asocio estas neŭtrala rilate al religio, nacieco aŭ politiko.

**donas:**

*Al la membroj:* Membrokarton kaj kvarcentokdekpaĝan Jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, Esperantistaj grupoj, gazetoj, organizaĵoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj ktp.

*Al la Membro-Abonantoj*: Krom tio la gazeton „Esperanto“, internacia ĉeforgano de la Esperantistoj, kun artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

*Al la Subtenantoj*: Krom ĉiuj dokumentoj, kiujn ricevas Membro-Abonanto, premion konsistantan el la Esperanto-literaturo.

Ĉiu aliĝinto rajtas presigi senpage korespondan anonceton unufoje en la gazeto „Esperanto“.

**kaj postulas nur modestan kotizon**

de 5 Fr. por Membro, de 12,50 Fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 Fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto.

**Universala Esperanto-Asocio**
1 Tour de l'Ile, Genève (Svislando)

**Arteriosklerozo,**

**Reŭmatismo,**

**Podagro,**

**Vezikacida diatezo,**

**Neŭrastenio**

# Radiosclerin

Die
Radium-
Trinkkur im Hause

Brunnentabletten, enthaltend:
1,5 g Sal. physiol. efferv. cps.
und 1,31 x $10^{-5}$ mg Radium-
Chlorid pro Tablette.




**Hejma**
**Radium - Trinkkuracado**

1-2 premaĵoj, solvitaj en vinglaso da akvo, havigas ĉiam freŝan mineralakvon.

Sen alia recepto : uzota trifoje ĉiutage laŭ tiu maniero.

*Detala literaturo kaj specimenoj por kuracistoj haveblaj de*

**RADIOSCLERIN, G.m.b.H.**

**Berlin S. W. 68.,**

**Alexandrinenstr. 26, Germanujo**

# De Trouette-Perret

| APHLOÏNE | LA NISAMÉLINE | LA PAPAINE |
|---|---|---|
| *Specifa rimedo kontraŭ la malordoj de la Menopaŭzo kaj de la vejna aparato.* | (GUAKO) *Jukoj-Ekzemoj-Prurigoj Neŭralgioj* | *Gastro-Enteritoj-Laksoj Vomoj Dispepsiaj malordoj* |

**PARIS — 15, Rue des Immeubles-Industriels — PARIS**

# Dumex-Salbe




1. En tuboj
*LA ĈEFA*
**Kontraŭhemoroida rimedo**
*KUN PLENA EFIKO*
origina tubo kun kanulo po 35 gr. kaj anstataŭanta tubo

Science rekonata
**eminenta preparaĵo!**
konstatita per komparo kun konataj kontraŭ-hemoroidaj rimedoj farita de D-ro Thom, fako de interna medicino de la
**Ĥirurg. Univers. Polikl., Berlin**
kontraŭas inflamon, forigas jukekscitom, malhelpas doloron, haltigas sangadon
*Glitrimedo*
vekanta fekadon.

2. En skatoloj
*Speciala ungvento kontraŭ*
**Krurdoloroj**
*kaj por ĝenerala vundterapio*
po 20, 60 kaj 150. Klinikpakaĵo po 400 gr.

Krurulcero, dekubita eskaro, intertrigo, brulvundo, dermito, urtikario, ĉiuspeca prurito, malseka ekzemo.
**Flebito kaj trombozo**
Liter.: O. Köster, la univers. akuŝliniko, München, « Münch. med. Woch. », 1931, n-ro 40.

3. En ovula formo
*PLEJ AGEMA*
**FLUORPREPARAĴO**
*por utero-vagina kuracado*
6 pecoj kaj 1 dekduo. Klinikpakaĵo 3 dekduoj.

Forigas radikale inflamajn statojn de mukozo, jukadon kaj brulojn, kontraŭ erozioj, ŝvelaĵoj, vaginito, kataro, hemoroidoj, prostatito.
**Post akuŝo, operacio, kaŭterizo, surradiado.**
Liter.: H. Fink, univers. virin-kliniko, Leipzig. P-ro D-ro Sellheim « Der prakt. Arzt. », 1929.

**Laboratorium Miros, Dr. K. & H. Seyler, Berlin NO 18**

Literaturo kaj specimenoj laŭdezire
*Ŝpariga Uzebla por malsanulkasoj*

# MONTECATINI Terme

**Malsanoj de la hepato, stomako, intestoj kaj de la asimilado.**
*Saniga klimato. — Belaj ĉirkaŭaĵoj. — Modernaj kuracejoj.*
Parko 50.000 kv. m. granda. — Aleoj 50 km. longaj.
TEATRO — KAZINO — LAŬNTENISO — VETKUREJO.

## HOTEL BELLA-VISTA - A. Palace

*Bela palaco en propra ĝardeno. — Plena komforto.*
*— Centra hejtinstalaĵoj. — Kuracnkonforma nutraĵo.*
Fratell : **C. NUTI**, mastro kaj administranto.

supredirita, oni observas : abortojn dum la unuaj monatoj de gravedeco, mortan feton, pli poste, nevivkapablan infanon kun sifilisaj simptomoj; ankoraŭ pli malfrue oni observas infanojn, ĉe kiuj sifiliso montriĝas post kelkaj semajnoj aŭ monatoj post la nasko kaj fine malofte sanajn infanojn.

Sociaj kaj ekonomiaj kondiĉoj de la vivo, alkoholo, tuberkulozo, nervaj malsanoj kaj nesufiĉa kuracado de la gepatroj kaŭzas ankoraŭ pli fortan ennaskitan sifilison.

Demando pri la transdono de l'ennaskita sifiliso en la tutan vicon de sekvantaj generacioj allogis precipan atenton de klinikistoj post la tempo, kiam talenta esploristo Fournier publikigis sian klasikan verkon « L'hérédité syphilitique » en 1891. Kelkaj aŭtoroj, ankaŭ inter ili profesoro Tarnovsky, ne konsentis pri la ebleco de la transdono de sifiliso en trian generacion : ili opiniis, ke la homo kun ennaskita sifiliso, enirante edzecon, jam troviĝas en la gumoza periodo de la malsano, kiam eĉ ricevita sifiliso ne estas transdonata plu al la idaro. Sed tiu opinio ne estas ĝusta : baldaŭ multaj klinikaj observoj kaj eksperimentaj esploroj pruvis la malon; nome, Neisser, Hoffmann, Fischer k. a. sukcesis ricevi eksperimentan sifilison ĉe la simioj, inokulinte homajn gumozaĵojn en ilin. *Per la sango,* prenita ĉe unu malsanulino kun gumo sur la lango, *Ulenhuth kaj Mulzer ricevis ĉe kuniklo la pozitivan inokulon;* kaj poste ili sukcesis pruvi la infektigecon de la sango de malsanuloj kun malfrua ennaskita sifiliso. Mi ankaŭ havis okazon observi en Salska Distrikto (Sovet-Unio) ĉe kalmika loĝantaro la sifilison en 3 generacioj.

Do, finante mian referaĵon, mi ankoraŭ foje konstatas, ke dank'al modernaj klinikaj observoj, bakteriologiaj kaj serologiaj donitaĵoj kaj eksperimentaj esploroj la sifiliso estas transdonata per placento kaj eble en kelkajn generaciojn.

*(Mallongigita laŭ referaĵo tralegita de la aŭtoro en rusa lingvo en la Venerologa kaj Dermatologa Societo en Tallinn.)*

## NOVAJ PROVOJ POR REJUNIGI LA MALJUNULOJN

de D-ro BRIQUET (Lille).

Ĉiuj konas la metodon de VORONOFF, t. e. la enplantadon de simia testiko. En nemalmultaj kazoj same ĉe veraj maljunuloj kiel ĉe viroj antaŭtempe maljuniĝintaj, ĝi tre bone sukcesis. Oni konstatis ĉe la enplantito ĝeneralan sentadon de eŭforio, pliigon de la fortoj kaj de la intelekto, nur kelkfoje reaperon de la sekskuniga kapableco. La favora efiko daŭris kelkajn jarojn plej ofte (ĉirkaŭe tri). Sed tiu metodo ne estas perfekta; pro multaj kialoj ĝi ne estas facile disvastigebla. Ni devas do bonvole akcepti aliajn esploradojn.

Antaŭnelonge oni provis la hemoterapion laŭ du malsamaj vojoj. Dum D-ro JAWORSKI injektas al maljunuloj sangon de junulo, D-ro BUSQUET injektas unue sangon de maljunulo al juna besto por kaŭzi ĉe tiu ĉi reagojn, kiuj produktas specialajn substancojn, kies agadon li poste trovis ĉe maljunulo.

*Injektoj al maljunuloj de sango de junuloj.*

D-ro JAWORSKI opinias ke la ĉeloj de la organismo estas kvazaŭ senmortaj, kiam ili vivas en favora medio, konstante renovigata, por eviti ilian intoksigadon kaŭzitan de iliaj propraj forĵetaĵoj (Fr. : *Déchets*). La ĉeloj estas malliberaj en la sango kaj en la limfo, kaj la difektmodifoj de tiuj medioj kaŭzas al la ĉeloj maljunecon kaj morton. Studinte kiel agas la sangtransfuzoj JAWORSKI sin demandas ĉu la sango, la limfo, unuvorte nia viva likvaĵo, ne posedas dinamigan kaj stimuligan agon. Tiel la sango de juna organismo, kies biologiaj fortoj estas egaj, povus komuniki siajn proprajn ecojn al degenerita sango de maljunulo, kaj sekve liveri al la ĉeloj de tiu ĉi novan junecon, agante kiel agas la hormonoj. Fakte per injektoj de sango de junuloj al maljunuloj JAWORSKI akiris 50% da sukcesoj, 27 % da sufiĉe bonaj rezultoj, 20 % da malsukcesoj, tiuj ĉi precipe ĉe organismoj tute degeneritaj aŭ sklerozigintaj.

*Englutigo al maljunuloj de antimaljuneca sero.*

BUSQUET faris multajn eksperimentojn ĉe bestoj. Unue li brile rejunigis maljunajn kokojn donante al ili buŝe seron de junaj bestoj, bovovirojn, nekastritajn ĉevalojn, ĉafovirojn ; ĉe 25 % eĉ la sekskunigebleco reaperis. Due ĉe junaj bovoviroj li injektadis seron de maljunaj bovoj por aperigi en ilia sango antikorpojn de la maljunecaj venenoj (venenoj kies ĉeeston montris CARREL ĉe ĉiuj maljunuloj) ; la sero de tiuj bovoviroj, buŝe donita al bestoj komence, kaj al viroj poste, rejunigis multajn maljunajn individuojn. Tiu lasta metodo nur malsukcesis tute en 25 % da kazoj ; ĝi ŝajnis ne nur senefika sed malbonefika ĉe tre malsanaj maljunuloj, t. e. kardiopatiuloj, albumenuriuloj, kankruloj, ktp. Kiam pliboniĝo okazas, ĝi komenciĝas post tri tagoj, estas maksimuma post ses tagoj, daŭras tri semajnojn eĉ se oni ĉesigis la kuracadon, kaj poste malpliiĝas ; oni devas do rekomenci la donadon de la dirita sero post unu monato.

Oni ne devas forgesi ke ekzistas kvara metodo de rejunigo, la sentoksigado per la senmanĝa dieto de GUELPA, t. e. ĉiusemajne unu aŭ kelkaj tagoj de senmanĝa dieto kun laksigilo. Per ĝi rejuniĝas precipe la viroj antaŭtempe maljuniĝintaj pro troa manĝado aŭ podagro, kronika reŭmatismo, hipertensio, diabeto, albumenurio. D-ro FRUMUSAN opinias ke plej ofte, la aliaj kuracadoj de rejunigo devas esti komencataj kaj preparataj per la metodo de GUELPA.

(Laŭ *Idées médicales nouvelles sur le rajeunissement et la santé,* de D-ro Jean FRUMUSON ; ĉe la eldonejo de la *Revue Mondiale*, 45, rue Jacob, Paris, 1929. Prezo 12 fr. frk.)

**D-ro Bernard KAPELNER**

ordinacias por internaj malsanoj

| MERANO | MARIENBAD |
|---|---|
| Andrea Hofer, 1 | Weisser Schwan |
| de la 1a de Oktobro ĝis la 1a de Majo. | de la 1a de Majo ĝis la 1a de Oktobro. |

# POR LA PRAKTIKULOJ

## KONTRAŬ LA POSTAKUŜA INFEKTADO

618.7 -002 -08

Tie ĉi temas, ne pri la ĥirurgia kuracado (skrapado, histerektomio k. t. p.), sed nur pri la medicina.

*Profilakso.* — Kiam akuŝo ne okazis tute norme oni povas timi la aperon de febro. Faru tuj subhaŭtan injekton de sulfarsenolo (1) 0,12-0,24 centgrm. (solvitaj en 1-2 kub. cm. da bidistila akvo) kaj apliku glacion sur la abdomeno.

*Kuracado.* — *Tuj kiam* oni konstatis *iom da* febro ĉe akuŝintino oni konsilos :

1) Ripozon (enlitiĝo, kvieteco, k. t. p.), glacion sur la abdomeno. Sufiĉe bona nutrado pli utilas ol senmanĝa dieto.

2) Injekton de sulfarsenolo kiel ĉi supre. Unue ĉiutage; poste ĉiudutage.

Se la infektado ne estas freŝdata, aŭ se ĝi ne malaperis per injektoj de sulfarsenolo, oni uzos :

Ĉu envejnan injekton de elektrargolo (escepte se la koro estas malforta, aŭ la tensio subnorma, ĉar oni ofte observas kolizian ŝokon, kiu *en tiaj kazoj* povus esti danĝera).

Ĉu envejnan injekton de septicemino aŭ de uroformino (komparindaj, eble identaj medikamentoj). Oni ilin povas injekti enmuskolen sed la efiko estas malpli certa; neniam subhaŭten.

Ankaŭ oni povas fari (samtempe se bezone) subhaŭtan injekton de unu aŭ du kub. cm. de terebentinoleo (Fiksadabsceso).

Kelkaj enkondukas en uteron gazpeceton (meĉon) sorbintan antivirusom aŭ specialan vakcinon (unufoje tage dum tri tagoj. Malbona odoro okazas sed ne atentinda).

(Laŭ P-ro PERY, de Bordeaux, en *Journal d'Obstétrique et de Gynécologie,* Majo 1930.)

BRIQUET (Lille).

(1) *Sulfarsenolo* estas vario de *arsenobenzeno.*

## PRI PRESERARO

*En la raporto pri la Pariza kunveno, verkita de D-ino Muszkatblai, enŝoviĝis preseraro: nome sur paĝo* 51a, *estis skribita ke ŝi « transdonis la esprimojn de profunda* honoro *al la mondkonataj francaj scienculoj ... ». Ŝi fakte skribis* homagio, *kaj petas nin rejustigi la vorton; tion ni ĉi tie faras kun granda plezuro kaj danko pro la raporto de ŝi verkita.*

RED.

# REFERATOJ

I. GRUNDZACH (Warszawa). — **Pri meĥanismo de efiko de purgantaj ĥloro-sodaj mineralaj akvoj ĉe intestaj bakteriogenaj malsanoj.** (El *Gastrologja Polska*, II, n-ro 3, 1930.)

615.797.6 -015

La aŭtoro donas pririgardon de la teorio de SANARELLI kaj de liaj eksperimentoj, kiuj pruvas, ke : 1) t. n. enterotropaj bakterioj kaj toksinoj ne penetras tra la gastrointestaj vojoj, kiuj ĉe normaj kondiĉoj ilin detruas kaj eligas; 2) mineralaj akvoj de MONTECATINI, ŝanĝante la mukozon pere de jonoj, transformas ĝin samtempe ĥemie, modifas la elektran signon de baciloj kaj ilin forigas kune kun danĝeraj toksinoj, kiujn enhavas la intesta mukozo.

E. STAHEL. — **Nova ionometra kesteto entenanta likvaĵon.** (Imprimerie Médicale et Scientifique, 34, rue Botanique, Bruxelles, 35 p.)

615.849 -7

La aŭtoro konstruigis novan ionometran kesteton likvaĵentenantan per kiu oni povas mezuradi la intensecon de la tuta radiado, ĉu de radioj X, ĉu de radioj, senpere proksimege al la fonto de radioj. Post ekzakta fiksado de la isodozoj de radiumentenanta tubo je standardizitaj dimensioj, li liveras metodon de skribado de kurbaĵoj de isodozoj laŭ ĉiuspecaj tuboj. En la dua parto de la broŝuro la aŭtoro priskribas la energetikajn mezurojn 1) kun radioj $\gamma$ : kalorimetrio; rezultatoj de radiumterapio laŭ tekniko; transformado de la unuo de radiumterapio D en erg/cm$^3$, eritema dozo : 1 H E D = 700.000 erg/cm$^3$; efiko de la loka radium-terapio senpera 1 ĝis 10 foje pli grava ol la malproksima. 2) kun radioj X : kalorimetrio; eritema dozo : 1 H E D (600 r. mezurataj en aero) = 96.000 erg/cm$^3$. Fine la aŭtoro pruvas ke, je egala biologia agado, la energio sorbita estas 5 ĝis 7 foje pli alta por la radioj $\gamma$ ol por la radioj X.

BRIQUET (Lille).

MURDOCH (Ĉefradiologo ĉe kontraŭkankra Centro de Bruxelles.) — **Kion ni devas esperi pri la efiko de radiumo en la kuracado de kankro.** (El *The Lancet*, May 17th. 1930.)

616 -006 -085.849

La aŭtoro referas pri multaj kazoj de kankroj (ĉe vizaĝo, ĉe lango, ĉe kolo, ĉe utero k. t. p.) kiujn li sukcese kuracis per radiumo. Dank'al bildoj la leganto de la artikolo povas detale koni la metodon de la aŭtoro kaj ni konsilas al ĉiuj, kiujn tiu temo interesas peti de la aŭtoro lian artikolon, kiu ilin vere instruos. Radiumo estas tute efika nur se oni uzas sciencan metodon bazitan sur la ago zorge

Terpíchín

Urologie
Gonorrhœe
Epididymitis
Prostatitis

Dermatologie
Furunkulosis
Trichophytia
Ekzema

Gynaekologie
Adnexerkrankungen
Parametritis
Oophoritis

Ophtalmologie
Hordeola
Conjunctivitis
Ekzema

Chirurgie
Septische Prozesse
Arthritis
Phlegmone

Innere Medizin
Nephritis
Bronchopneumonie
Phlebitis

Ni petas vin postuli de ni senpagan specimenon kaj literaturon.

Chemisches Institut Dr. Ludwig Oestreicher G.m.b.H.
Berlin - Schöneberg

Varikoj, Flebitoj
Hemoroidoj
Cirkuladaj malordoj
Hipertensio
Konĝestaj statoj de la menopaŭzo.

HAMAMELIODE

*(Malŝanĝema Kombinaĵo de Jodo Kaj Hamamelo)*

X gutoj da Hamameliode entenas ekzakte 0,01 da Jodo tute kombinata kun 0.25 da ekstrakto je egala pezo da vegetaĵo.

DOZOJ : 30 ĝis 50 gutojn potage, en du aŭ tri fojoj.

Laboratorio OBERLIN, 17, rue Cadet, Parizo

J. TINARDON, unuaklasa apotekisto el Altlernejo de Parizo.

# NEO-PHYSIOSTHENINE

ĈIUJ INFEKTOJ

Skatolo po 8 ampoloj de 5 kcm. Uzata en la Malsanulejoj de Paris.

Injekto kaj reago malmulte aŭ ne dolorigaj, per 5 cm-a nadlo enigita perpendikulare en la post-troĥantera regiono (Punkto de Barthélemy).

Pr-o LEREBOUILLET kaj SAINT-GIRONS, asistanto: Klinikaj lecionoj, faritaj en la Hospitalo por Malsanaj Infanoj, pri la kuracado de la bronĥo-pneŭmonioj.

D-ro PASCAL, ĉefkuracisto de la publikaj mensmalsanulejoj de la Seine kaj Jean DAVESNE: Kuracado de la mensmalsanoj per la ŝokoj.



Antinewralgicum
Antirheumaticum
Antipyreticum
Antidolorosum

La malmultekosta fidele efika

**Phenalgetin**

Acetylsal. Phenacetin ää 0,25 Cod. ph. 0,01 Nuc. Col. 0,05

DR. HUGO NADELMANN · STETTIN

mezurata laŭ distancoj. Persone, ĉe hospitalo Brugmann, P-ro MURDOCH montris al ni kelkajn malsanulojn jam de sufiĉe longe resanigitajn, kaj ni devas konfesi ke nin mirigis la akiritaj sukcesoj.

BRIQUET (Lille).

GOUGEROT (Parizo). — **Kronika edemo de la lipoj sekve de ruĝkolora tatuo.** (El *Bulteno de la franca societo de dermatologio kaj sifiligrafio,* n-ro 8, novembro 1931, p. 1339.)

616.317 -005.98 -02 : 616 -003.656.6

La aŭtoro referas pri du kazoj ĉe ruĝkolora tatuo de la lipoj kiujn sekvis loka kronika edemo.

Ĉe la unua malsanulino, la tatuo, farita en Usono dum septembro 1930 (6 seancoj), sajnis sukcesinta, sed de novembro ĝis aprilo, la lipoj iom post iom ŝveliĝis (ĉefe la suba), sendolore; poste la stato restis senprogresa.

Ĉe la dua, la tatuo farita ankaŭ en Usono dum aprilo 1930 (8 seancoj dum unu semajno) kaŭzis de la unuaj tagoj iomete doloran ŝveliĝon de la lipoj kiu pliiĝis ĝis septembro 1930 kaj ne plu progresis. Sed, de tempo al tempo, ĉiu (unu aŭ du) monate, okazas pliiĝo laŭforme de pliŝveliĝo ruĝa, varma, dolora, febrogena, erizipelforma, kelkajn tagojn daŭranta; aperas fendetoj el kiuj fluas seraĵo riĉenhava je streptokokoj.

Ĉe la unua malsanulino ŝajnas ke la kaŭzo de la ŝveliĝo estas nur incito pro ĉeesto de fremdaj korpetoj; ĉe la dua oni devas diagnozi streptokokan elefantiazon. BRIQUET (Lille).

MENDELSOHN (Berlin). — **La terapio de la seksa impotenteco.** (El *Deutsche Aerztezeitung*).

616.69 -008.14 -08

Priparolinte iom detale la principojn de la ankoraŭ juna *Hormonesplorado,* la aŭtoro sin turnas al la speciala tasko, klarigi la efikon de la hormonpreparaĵoj « Virilinets » kaj « Fertilinets », la unuaj por viroj, la aliaj por virinoj.

Virilinets entenas testiksubstancon 0.22, mineralvitaminojn, ultraviole surradiitajn 0.05 johimbinon 0.05; Fertilinets kontraŭe ovarian substancon 0.22, mineralvitaminojn, ultraviole surradiitajn 0.03.

Laŭ la principo de monohormona efiko sur la glandosistemo, nomita « Homo » ĉi tie estas elektataj nur tiuj hormonoj kies enpenetro en la korpa ekonomio, karakterizas, en la tempo de la maturiĝo, la maksimumon de personeca sento kaj samtempe ankaŭ de la seksa kompletiĝemo inter viro kaj virino.

Jam hodiaŭ ekzistas pruvoj sufiĉaj ke hormonpreparaĵoj, kiel virilinets kaj fertilinets povas efiki ĉe homoj siajn sanigajn ecojn.

Krom la seksaj impotentoj diversspecaj oni trovis plie aliajn indikojn, speciale ĉe tuberkulozo, morfinismo, kokainismo, k. t. p.

Kiel bestoj, ekz. kokinoj kaj aliaj specoj de bestoj klarvideble reagis la aplikon de hormonoj. Sed ankaŭ en granda amaso da gehomaj pacientoj la teoriaj konsideroj estis pruvataj per la surprizaj kaj rapidaj sukcesoj. BLUTH (Bad-Neuenahr).

# Annalen der
# Tomarkin-Foundation

Organ für experimentell therapeutische Forschung und angewandte Medizin

**Herausgegeben von der Tomarkin-Foundation New-York**
**Europäischer Sitz : Locarno, Schweiz**

SCHRIFTLEITUNG : PROFESSOR DR. R. VON DEN VELDEN, BERLIN

Redaktionelles Komitee :

ALEXANDER, H., Prof. Dr., Direktor des Sanatoriums Agra ; ASHER, L., Prof. Dr., Direktor des Physiologischen Institutes der Universität Bern ; BERTARELLI, E., Prof., Dr, Direktor des Hygienischen Instituts der Univeristät Pavia ; BÜRGI, E., Prof. Dr., Direktor des Pharmakologischen Institutes der Universität Bern; LEVADITI, C., Prof. Dr., Institut Pasteur, Paris; REGAUD, Cl., Prof. Dr., Directeur du Laboratoire Pasteur de l'Institut de Radium, Paris; SOBERNHEIM, G., Prof. Dr., Direktor des Hygienischen Bakteriologischen Institutes der Universität Bern ; WEICHARDT, W., Prof. Dr., Preuss. Landesanstalt für Wasser-Boden- u. Lufthygiene, Wiesbaden.

*Die Tomarkin-Foundation hat sich die Förderung und Unterstützung wissenschaftlicher Arbeiten auf dem Gebiete der allgemeinen Biologie und der angewandten Medizin zum Ziele gesetzt. Die jährlich in vier Heften erscheinenden Annalen sollen vornehmlich dem Austausch von Erfahrungen und Ergebnissen der verschiedenen medizinischen Schulen dienen. Sie bringen eigene Arbeiten aus den Laboratorien der Foundation, ebenso wie solche bedeutender auswärtiger Mitarbeiter und schliesslich die anlässlich der Fortbildungskurse gehaltenen Vorträge.*

## Soeben erschien : II. Jahrgang, Heft 1/2

Inhalt: **ALEXANDER,** Über Arbeitstherapie in der Lungenheilstätte / **ASHER,** Klinisch wichtige Probleme der Permeabilitätslehre / **BESREDKA,** Bactériothérapie et vaccinothérapie locale dans les entérocolites infectieuses **BIELING,** Immunitätsvorgänge bei akuter und chronischer Sepsis und die Entstehung rheumatischer Erkrankungen / **CALMETTE,** Le virus tuberculeux et ses éléments filtrables **DOERR,** Latente Infektionen / **FICHERA,** Notizie ulteriori e nuovi dati sopra saggi di terapia biologica dei tumori maligni / **FRIEDEMANN,** Der heutige Stand der Scharlachforschung / **GALLI-VALERIO,** Le passage des saprophytes et des saprozoïtes à parasites et l'adaptation au parasitisme / **KORANYI,** Funktion und Therapie / **MANSFELD,** Über Aufnahme und Schicksal der Fette im Organismus / **NEUBERG,** Über die biochemischen Zusammenhänge der wichtigsten Leistungen von tierischen und pflanzlichen Zellen / **OTTO,** 25 Jahre Serodiagnostik der Lues / **DE QUERVAIN,** Neueres aus der Pathologie und Therapie der Schilddrüsenerkrankungen / **SACHS,** Problem der Serodiagnostik / **SOBERNHEIM,** Ziele und Methoden der Rassenhygiene (Eugenik) / **VON DEN VELDEN,** Fortschritte in der allgemeinen und speziellen Therapie.

## Früher erschien : I. Jahrgang, Heft 1 (Alles was erschienen)

Inhalt: **ASHER,** Die normale und pathologische Physiologie der Lymphbildung / **BERTARELLI,** Über Antivirus / **NEUMANN,** Die Tuberkuloseformen der hämatogen streuenden Reihe / **SILBERSTEIN,** Ältere und neuere Reaktionen und Tumordiagnose / **SOBERNHEIM,** Immunität und Schutzimpfung bei Diphtherie / **WEICHARDT,** Über natürliche Resistenz und erworbene spezifische Immunität / **BÜRGI,** Über das Kombinieren der Arzneien — Dieses Heft kann zum Preise von M. 2.50 nachbezogen werden.

Bezugspreis : M. 16.— zuzügl. Postgebühren f. d. Jahrgang von 4 Heften, Einzelnummer M. 4.50.

**Georg Thieme/Verlag/Leipzig**

# DIVERSAĴOJ

## EN KIOMA AĜO ESTIS FARATAJ LA FAMAJ MEDICINAJ MALKOVROJ?

EHRLICH priskribis grasigitajn ĉelojn de sango en aĝo de 23-jaroj, NEISSER malkovris gonokokon en 24 jaraĝo, PARL faris unuan disartikigon de kubuto en 26jaraĝo; en la same aĝo Albrecht GRAEFE priskribis keratokonuson, HELMHOLTZ en 26jaraĝo starigis leĝojn pri la konservo de energio, MORTON en 27jaraĝo faris unuan eteran narkozon, SEMMELWEISS en 29 jaraĝo indikis la infektan karakteron de postnaska febro, Karl Ferdinand GRAEFE en 29 jaraĝo faris unuan operacion de leporlipo, JENNER en 30jaraĝo malkovris kontraŭvariolan inokuladon, BANTING en 31jaraĝo malkovris insulinon, S-ino CURIE-SKLODOWSKA en 32jaraĝo publikigis siajn esplorojn pri radiumo, LAVOISIER en 32jaraĝo (kune kun PRIESTLEY) malkovris oksigenon. La plejmulto da medicinaj malkovroj kaj inventoj estis farataj en 34 jaraĝo. LAENNEC inventis mikroskopon, SCHAUDINN malkovris palidan spiroĥeton, HODGKIN, la akutan malsanon de sango, SKODA en ĉi aĝo prilaboris perkusion kaj aŭskultadon. En 35jaraĝo PASTEUR faris siajn laborojn pri fermentoj, BEHRING en 36jaraĝo preparis antidifterian seron, DARWIN en 36jaraĝo verkis sian verkon pri la deveno de l'specoj, MAC DOWELL en 38jaraĝo faris unuan ovariotomion, PRIESTLEY en 39jaraĝo trovis gajigan gason, KOCH en 39jaraĝo malfermis tuberkulozan bacilon, LISTER en 40jaraĝo publikigis siajn laborojn pri antisepsio, HARVEY en 50jaraĝo priskribis la sangcirkuladon.



La saman temon tuŝas P. KAMERER en la antaŭparolo de sia verko. *La sekso, multobliĝo kaj fruktebleco*, parolante : «Ni (KAMERER kaj lia ĉefo P-ro Hans PRĴIBRAM) alveturis Gracon al VIIIa internacia kongreso de zoologoj. Vekiĝinte en la hotelo, mi diris al PRĴIBRAM : « Hodiaŭ mi fariĝis 30jaraĝa! » kaj li respondis : « Sekve komencante de tiu ĉi tago vi jam ne havos novajn pensojn. Ĉiuj originalaj ideoj formiĝas antaŭ 30a jaro la resto de la vivo servas nur por ilia disvolvigo ».

(El *Störig k. Nood. Das Hörrohr.* 5.V.1928, tradukis A. BABADAGLY [Kiev].)

••••••••••••••••

# LA BRUSELAJ MEDICINAJ TAGOJ

La XIIaj bruselaj medicinaj tagoj okazis de la 25a ĝis la 28a de junio 1932. Granda nombro de belgaj kaj eksterlandaj kolegoj partoprenis. La prezidanto estis P-ro Fernand HEGER, membro de la Reĝa Medicina Akademio, kaj profesoro de Jurmedicino ĉe la Brusela Universitato.

Kiel kutime, tre diversaj estis la aranĝoj: solena malferma kunsido kun paroladoj de S-ro BALTHAZARD (Parizo), de D-ro BECKERS, de P-ro HEGER kaj fine de D-ro BURNET, pri *la mistero de la lepro*; diverstemaj prelegoj de multnombraj fakuloj; operacioj en pluraj malsanulejoj kaj klinikoj; aliflanke teatra prezentado, ekskursoj kaj fine festeno, prezidata de S-ro CARTON kaj ĉeestata de diversaj diplomatoj, ŝtatuloj kaj eminentuloj.



D-ro Profesoro Fernand HEGER.

Dum la Medicinaj Tagoj, oni aludis Esperanton, kaj tre simpatie.

Tio okazis ĉe la kunsido de la Belga Ligo kontraŭ Reŭmatismo. La sekretario de la samcela internacia ligo, D-ro VAN BREEMEN (Amsterdam), raportante pli la agado de tiu lasta organismo, parolis pri la maloportuneco de la lingvodiverseco dum internaciaj kongresoj. Ĉe la proksima kontraŭreŭmatisma kongreso, en Paris, kvar lingvoj estos permesataj: la franca, la angla, la germana kaj Esperanto.

Post D-ro VAN BREEMEN, P-ro GUNZBURG (Antwerpen), nia samideano, kiu estas ĝenerala sekretario de la Belga Ligo kontraŭ Reŭmatismo, ankaŭ priparolis la lingvajn maloportunaĵojn. Li esprimis sian konfidon, ke baldaŭ la ĝenerala alpreno de Esperanto malaperigos la nunajn komplikaĵojn.

La ĉeestantaro varme aplaŭdis ambaŭ parolintojn.

## COMPAGNIE GENERALE DE RADIOLOGIE

**Antaŭe Firmoj**

**Gaiffe-Gallot & Pilon kaj Ropiquet, Hazart & Roycourt**

Anonima Societo kun kapitalo de 21.000.000 fr. frankoj.

*Boulevard de Vaugirard, 34* *PARIS* (*15*[e])

FILIOJ
- **BORDEAUX, 67, Cours de Verdun**
- **LILLE, 8, Rue Caumartin**
- **LYON, 25, Quai Tilsitt**

---

# ĈIO KIO KONCERNAS LA MEDICINAN ELEKTRON KAJ LA X-RADIOJN

---

**Raportetoj kaj prezoprojektoj senpage laŭ demando**

Registre du Commerce Seine n° 70.761.

# La Profita

## *Kuracilo de malfortiĝoj ĉe suĉinfanoj*

(dispepsio, distrofio, atrofio, malkomponiĝo, frunaskoj, k.t.p.)
LITERATURO : *Finkelstein, Langstein, L. F. Meyer, E. Müller, Schlossmann, Feer,* k.m.a.

## *Nutriga rimedo dum resaniĝo*

ĉiuspeca : post operacioj, sangoperdo, febro, ĉe nasko, mamnutro, denutrado, stomak- kaj intestsuferoj, anemio, diabeto, k. t. p.
LITERATURO : *Hofmann, Praussnitz, Caspary, Bickel, Rubner* k. m. a.

---



## PLASMON - Laktalbumino

Analizo : 76% albumino, 2.5% kalko, 3% fosfata acido.
Biologie plenefika albumino

---

*Literaturo kaj specimenoj laŭdemande.*

**PLASMON-GESELLSCHAFT m.b.H., Neubrandenburg Meckib. Germanujo.**

# Seksa Nervastenio
# OKASA

LAŬ SEKRETA KONSILANTO D-RO MED. LAHUSEN

**Okasa Silber**
por viroj

**Okasa Gold**
por virinoj
kiel afrodiziiga rimedo elprovita de jaroj

**Okamen**
kontraŭ klimakteriaj malordoj

KONSISTO

OKASA enhavas pluriglandajn ekstraktojn kun plena hormonenhavo kaj organekstraktojn. Ankaŭ bone studata eksterlande kiel afrodiziigilo.

**La hipofiza kaj generglanda hormonoj estas standardizitaj.**

OKAMEN enhavas hormonan ovari- kaj lien-substancon, vegetajn substancojn kun reguliga ago sur koron, renojn kaj nervojn. Sendoloriga rimedo.

Senkostajn specimenojn postulu de

**HORMO-PHARMA G.m.b.H. BERLIN S 14 (Germanujo)**



## DIABETO-PREPARATO
# "BELLINGUOL"

**Leĝe Ŝirmata**

***La nova perbuŝa preparato kontraŭ melita diabeto***

**Aplikadmaniero:** 3foje dumtage antaŭ la manĝado preni 2-5 tablojdojn.

**Efiko:** Malplialtigo de urina kaj sanga sukero, rimarkinda plibonigo de l'korpa bonstato, kaj de laborkapableco, plimultigo de l'pezo. Vere taŭga kaj porsana, neniaj nedezirataj kromaj efikoj, eĉ ĉe grandaj dozoj. Superdozadon oni ne timu.

**Literaturo:** *Fortschr. der Medizin* (La progresoj de l'medicino) 1927, n° 30.
Originale pakita po 30 tablojdoj 1,2 marko, 4,80.

**Fabrikanto:**

*Arzneimittelfabrik (fabriko por medikamentoj)*

**JOHANN CH. BELLAS, Berlin-Hohenschönhausen (Germanujo)**

## 87a JARKUNVENO DE LA SVISAJ APOTEKISTOJ

La regulara jarkunveno de Svisa Apotekista Asocio okazis en tiu ĉi jaro en la konata vin- kaj horloĝurbo Neuchâtel je la okcidenta parto de bela Svislando. Laŭ la kritiko de kolego, la plej interesa parto de la kunveno estis la kunveno de aktivaj membroj. D-roj KNEUBUEHLER kaj STUDER vere sukcesis paroli pri la sekaj temoj de pormalsanula asekuro kaj la ŝtata tarifo (E. A. T. Eidg. Arzneitaxe) tiel interese, ke ĉiuj kun granda atento sekvis la paroladojn. La diskutado okazis dum la dua kunventago en St. Aubin. Oni akre kritikis la multajn malmolecojn de la nova tarifo kaj rimarkis, ke je multaj punktoj la ŝtata tarifo tute ne plaĉas al la apotekistoj, ĉar oni vere tro multe malaltigis diversajn prezojn, precipe por laboroj, dum la kostoj je la apoteko (salajroj, luo, k.t.p.) tute ne estas plimalgrandigitaj. Oni ŝarĝis la estraron kaj la specialan E. A. T. komisionon forte batali por la akiro de pli bonaj kondiĉoj. Same la kunveno decidis fari konkurson por nova fundamento de pormalsanula tarifo.

La ordinara kunveno aprobis la jarraporton kaj kasraporton de la societo kaj de Apa (Instituto por analizo de medikamentoj, Arzneimittelprüfungsanstalt). La medalon de la fundo Flückiger gajnis D-ro CHARLES BEGUIN kaj CHARLES FEVRIER por la faritaj laboroj, kaj honore oni transdonis medalon al D-ro VAN ITALIE el Leiden, honora membro de Svisa Apotekista Asocio.

Posttagmeze la kunveno aprobis la novan profesian regularon, (Standesordnung) kaj longe diskutis pri la nova regularo por la farmacistudantoj kion oni fine redonis al la komisio por nova trastudado. Fine oni diskutis pri la tromulteco de novaj apotekistoj en nia lando. Oni elektis kiel korespondantajn membrojn de S. A. A. S-rojn BREUGHELMANS en Bruselo, COLLARD en Strasbourg, FORRESTER en Londono, FULLERTON-COOK en Philadelfia, HERISSAY en Parizo, JERMSTAD en Oslo, INVERNI en Milano, RAPH en München, RISING en Stockholm kaj WASICKI en Wien. La afera parto de la kunveno finis kun la decido, kunveni la proksiman jaron en St. Gallen.

Pri la festa parto de la kunveno mi nur raportas, ke suda vento « Föhn » ĉiam zorgis por bela vetero kaj ke tiamvariere la ŝipvojaĝoj je la lago ĝis la insulo de St. Petro bone sukcesis. Neniu forgesos la rondvojaĝon de la antaŭvespero, la matenvojaĝon al St. Aubin je la bluega lago kaj la maltrankvila revojaĝo el Auvernier. Dum la bankedo oni aŭdis belan muzikon, vidis bonan teatraĵon kaj eĉ farmacian kinon. Koran dankon al la organizintoj, S-roj BOURQUIN, TRIPET kaj WILDHABER.

D-ro R. MAEDER (St. Gallen).

················

## NI KAJ LA ALIAJ

En *British Esperantist* de Novembro 1931, ni legis kun plezuro la sekvantan noteton :

« *Internacia Medicina Revuo, la plej trafa ilustrilo inter Esperantaj gazetoj de la taŭgeco de nia lingvo por teknikaj celoj, daŭre aperas, kun enhavo varioplena kaj informa : ne nur originalaj artikoloj pri medicinaj temoj, sed ankaŭ resumoj de artikoloj el naciaj fakorganoj. Neniu leganto de ĉi tiu gazeto povus dubi pri la adaptebleco de la lingvo al la bezonoj de farmacio, fiziologio, kaj anatomio, kaj ilia apliko al patologio kaj kirurgio.* »

Nia modesteco iom suferas... ni ruĝiĝetas pro plezuro... sed ni bedaŭras ke tiom da kolegoj ne ruĝiĝegas ĉar ili ne pli bone subtenas nin. Ĉu ne estas devo de ĉiu esperantista kuracisto regule aboni nian gazeton — t. e. regule pagi la abonprezon, kaj varbi novajn abonantojn kaj anoncantojn? Ĉu ankaŭ ĉiu esperantisto ne devus alporti sian obolon al nia ĵurnalo, tiom necesa en nia movado, por la propagando en sciencaj rondoj?

················

## NOVAĴETOJ.

FRANCUJO. — La IXa Kristnaska internacia vojaĝo sur la Lazura Marbordo komenciĝos, tiun ĉi jaron, en Cannes. La partoprenantoj vizitos Le Cannet, Juan-les-Pins, Antibes, Nice, Roquebrune, Menton, Monaco, Monte-Carlo, Beaulieu kaj Villefranche, k. c. Luksaj akceptoj estas antaŭvidataj. En ĉiu urbo, okazos sciencaj paroladoj kaj vizitoj al diversaj kuracejoj.

Pro la nunaj cirkonstancoj, la organizantoj klopodos igi la vojaĝon pli mallonga kaj malpli multekosta ; ĝi kostos nur mil francajn frankojn. Skribu tuj, en Esperanto, al la sekretario de la Medicina Secieto, 24, rue Verdi, *Nice* (Francujo).

— Nova enketo de « *Phare Médical* ». — Ĉiuj niaj kolegoj estas *insiste petataj* esperante respondi al la nova enketo de *Phare Médical*, ĵurnalo tre favora al Esperanto (Adreso : S-ro CLIGNY, 12, rue des Bois, Rueil-Malmaison apud Parizo). Jen la demandoj :

1) En nuna stato de niaj konoj, ĉu la vakcinado per B. C. G. ŝajnas al vi rekomendinda ?
2) Ĉu estus utile fari ĝin deviga ?
3) Kiaj estas, laŭ via opinio, la kontraŭindikoj absolutaj aŭ relativaj de tiu vakcinado ?

■■■■■■■■■■■■■■■■

## ESPERANTISTA KRONIKO

BELGUJO. — En *Bruxelles-Médical*, 21-2-32, artikolo pri la internacia scienca lingvo, favora al Esperanto, aludanta la enketon de *Phare Médical*. (*Inda por reprodukto de ĉiuj medicinaj ĵurnaloj. Kolegoj bonvolu klopodi por tio.*)

FRANCUJO. — En *Archives du Droit médical et de l'Hygiène* de la 15a de januaro 1932, kiu estas aldonaĵo al la 7 eldonaĵoj de *La Gazette Médicale de France*, aperis artikoleto pri la scienca internacia lingvo. Jen ĝia teksto :

« Antau kelkaj monatoj, D-roj DARTIGUES, TUFFIER akj aliaj kolegoj de l' « Umfia » aperigis artikolojn favorajn al ROMANAL, simpligata latinlingvo. Tre certe pro rapideco de la vojaĝoj kaj trekvenco de kongresoj la neceseco de internacia lingvo estas nediskutebla, sed ĉiuj ne akceptas ROMANAL. Responde al enketo farita de *Phare Médical* pri Esperanto D-roj JEANNENEY, MENDEL, CAILLAUD, KOENIG, ROBIN, E. TOULOUSE sendis leterojn favorajn al Esperanto, D-ro TROUVE dubas pri la fervoro de kuracistoj por studado de fremdaj lingvoj.

» En *Internacia Medicina Revuo* (Marto-April 1931) D-roj SUBIN kaj KARABASEVA studas le temon de la internacia farmacia terminaro kaj opinias ke nur Esperanto taŭgus.

» Se oni flankelasas ĉion kio estas « literaturo » aŭ « malgrandaj grupetoj » por nur konsideri la opinion de la kolegoj kiuj lernis latinlingvon kaj Esperanton, la plej multnombraj preferas Esperanton pro ĝia facileco kaj taŭga uzebleco. »

— D-ro NOIR, en artikolo de *Concours Médical*, 21-2-1932, referas pri la kunveno de UMFIA, kaj liveras kelkajn detalojn pri la argumentoj de D-ro NICOLAU kaj de S-ro MICHAUX (decide iĝinta malamiko de Esperanto). Ni bedaŭras ke pro manko de loko ni ne povas aperigi la tradukon de tiu artikolo favora al la latino ; niaj samideanoj konvikiĝus ke ĝi ne entenas unu bonan argumenton por la mortinta lingvo, kaj unu seriozan respondon al la multaj kontraŭargumentoj de P-ro VANVERTS.

— En Toulon, D-ro BARTET gvidas du kursojn de Esperanto.

— En *Courrier Médical*, 14-8-1932, artikolo de D-ro FOVEAU DE COURMELLES pri Medicino kaj Esperanto okaze de la 24a Kongreso. Nia altestimata kolego estas tute fervora al Esperanto.

GERMANUJO. — En Berlino, ĉe Cshe-Grupo, la 11-1-32, D-ro DIETZEL faris interesan paroladon pri alkoholo kiel grava malamiko de popolo laŭ medicina kaj socia vidpunkto. (El *Heroldo de Esperanto*, n-ro 7.)

— En *Gross Berliner Aerzteblatt*, 22-10-1932, bona artikolo pri Medicino kaj Esperanto kun afabla mencio de TEKA kaj I. M. R. Koran gratulon al la loka grupo de TEKA en Berlino, kiu sukcesis presigi tiun artikolon !

— La 25an de Oktobro okazis kunveno de la loka grupo Berlin de la TEKA. Oni elektis estraron, kiu konsistas el la prezidanto : S-ro D-ro M. Schwab, Berlin-W. 15, Pariserstrasse 3, kaj la du sinjoroj D-ro H. Dietzel, Berlin. N. W. 21, Essenerstrasse 13, kaj D-ro L. Klauber, Berlin. W. 15, Kaiser-Allee, 222. Kuracistaj kunvenoj dum ĉi tiu vintro okazos laŭbezone. Samideanoj travojaĝantaj Berlin estas petataj, sufiĉe frue sciigi sian alvenon kaj laŭeble deklari sin pretaj, fari ĉe ni paroladon pri temo el sia fako.

— En Berlino, la loka grupo de TEKA komencis, la 7an de Novembro, esperantan kurson por akademianoj.

ITALUJO. — Ĉe la grupejo de Torino komenciĝis kurso gvidata de P-ro D-ro G. CANUTO.

# BIBLIOGRAFIO

## 1) MEDICINO

### A. — Libroj.

NACILINGVE

— *Note di immunoterapia in otorinolaringologia* de D-ro Pier Carlo MONTI. 1 volumo 200paĝa. Eldonita de *Instituto Seroterapico* Milanese 1932.

— *Bulteno de la Jurmedicina Instituto de la Medicina Fakultato de Nagasaki.* — Japanlingva kun resumoj en esperanto. — Vol. 4, n-ro 1, Aŭgusto 1932.

*Enhavo*: Pri la sango de renaj glomeruloj ĉe kunikloj unuflanke senrenigitaj (T. YAMAMOTO. — Antropologia studo de plandaj premsignoj ĉe popoloj de Okinowa (T. YAMAMOTO, S. KURISITA, T. HARAGUTI, K. NAKATI). — Pri sangtipo de popolo (fiŝistoj) de Itoman en Okinowa (S. KURISITA). — Interrilato inter sangtipo kaj monataĵoj (S. KURISITA, T. HARAGUTI, A. TUZI). — Interrilato inter stato de vegetala nervsistemo kaj sangtipo, kaj de temperamento kaj talento ĉe liceanar (T. TAGAMI, K. TANAKA, Y. TAKEDA). — Influo de injektado de endokrinaj preparaĵoj sur aglutinadkapableco de sango (T. TAGAMI). — Pri la kondiĉo de sangfalo (G. BLUTSENKUNG, K. MATUMOTO). — Sangsukero kaj kombinata sukero post injekto de diversaj medikamentoj (M. NAKAMURA).

### B. — Gazetoj.

NACILINGVE.

— *La Traĥomo*, n-ro 44/45, novembro 1930, Revuo eldonita de *Nippon Trahômu-Yobôkyôkwai* (Japana asocio por traĥomantaŭgardo) kaj redaktata de nia fidela TEKA-ano D-ro CUCUMI Tomohisa, el Tokio. Ĝi estas dediĉata al studo de tiu malsano. La unua paĝo — unua por ni Eŭropanoj! — estas presata esperantlingve kaj enhavas la titolon esperantigitan de la artikoloj presitaj en la revuo. Dank' al tio, ni scias pri kio ili temas; se la redaktoro povus presigi en esperanto mallongan resumon de ĉiu artikolo, li farus gravan servon al la eksterlandaj interesuloj.

— En la pola medicina semajna gazeto *Polska Gazeta Lekarska* 1932, n-ro 41, ekaperis en la literatura fako pollingva tre aproba recenzo de la ESPERANTA TEKNIKA MEDICINA VORTARO de Briquet, skribita de D-ro Fels (Lwow).

## 2) ALIAJ FAKOJ

### B. — Broŝuroj.

ESPERANTLINGVE.

— *Fundamento de Animo*, de ONISABRO DEGUĈI, 48paĝa broŝuro kun portreto de la aŭtoro. En tiu broŝuro la aŭtoro klarigas sian vidpunkton pri la homa spirito, postmorta vivo kaj la stato de la spirita mondo. Prezo: 0,70 sv. fr. Havebla de Oomoto-Propaganda Oficejo, Kameoka, Kioto-hu, Japanujo.

— *La pretendoj de kondiĉa senmorteco*, de R. K. STRANG, 16paĝa broŝuro, havebla senpage de la aŭtoro, 30, Bogton avenue Cathcart, Glascow.

— *La kaŭzo kaj la devo*, de ARVIDS KURMIS. — Eldonejo: Scienco kaj vivo, Riga. — Prezo 4 us. centoj.

En tiu malgrandformata 16paĝa broŝureto estas, laŭ aserto de la aŭtoro, traktaĵoj kaj rakontoj; ankaŭ bedaŭrinde ne mankas preseraroj...

NACILINGVE.

— *Esperanto in the field of engineering*, de T. J. GUERITTE, 36paĝa represaĵo de parolado farita la 2-XI-31 en la (Brita) Societo de Inĝenieroj.

— Raporto de G. DELMAS (6, place Christoly, Bordeaux) pri la Pariza Kongreso, skribita por la « Rotary-Club » de Bordeaux. Tute favora al nia lingvo.

## C. — Gazetoj.

ESPERANTLINGVE

— *La Nova Epoko*, aperas nun en granda formato, regule dumonate en bildornamita kaj vari-enhava prezento. Prezo por jarabono (6 kajeroj) 2,50 mk. g. (15 fr. fr.). Adresoj: redaktejo: 14, avenue de Corbera, Paris 12e; administrejo: Kolmstr. 1, Leipzig, 027.

— *Internacia Stenografisto*. — Trimonata gazeto, ne plu estas hektografita, sed presita. Ĝia Ĉefredaktoro estas L. COGEN, L. K., 52, Drève, Ninove, Belgujo.

— *Hispana Esperanto Gazeto*, oficiala organo de Hispana Esperanto Asocio (Sagasta, 10, Madrid) publikigas kiel apartan ilustritan aldonon, *universalan terminologion de la Arkitekturo*, verkitan de Francisko AZORIN.

NACILINGVE.

— *The Optician*. — La numero de la 30a oktobro 1931 enhavas detalan raporton pri la Esperanto-Kunveno dum la Optika Kongreso. Mendu ĝin de *The Optician*, 72/78, Fleet Street, London E. C. 4. (Prezo, kun afranko: 4 1/2 pencoj).

— *Progres*, juda gazeto por kaj pri Esperanto (ul. Dr. Zamenhofa 13, m. 12, Warszawa, Polujo).

## ANONCETO

*Farmaciistoj!* — S-ro YOSHIMI HAYASHI, 511, Haze-mura Ichishi-gun, Mieken, Japanujo, deziras korespondi kun kolegoj ĉiulandaj. Certe respondos.

## NIA NOVA ADRESO

Ni atentigas vin ke nia adreso ne plu estas 20, rue aux Laines, Bruselo, sed *19, avenue Montjoie, Uccle 3 (Belgujo)*.

La sendaĵoj adresitaj 255, avenue Longchamp, Uccle ankaŭ bone alvenas kaj tiu adreso eventuale taŭgas.

## NIAJ DUMVIVAJ MEMBROJ

Kun plezuro, ni konstatas ke nia decido krei kategorion de dumvivaj membroj jam trovis favoran akcepton.

Antaŭ kelkaj semajnoj, ni povis enskribi nian duan dumvivan membron.

Ni do nun havas:

1) F-ino C. OFFERHAUS, apotekistino, 154, Groot-Hertoginne-laan, 's Gravenhage (Nederlando).

2) D-ro F. J. WILLIAMS, kuracisto, Samarai (Papua-Aŭstralio).

Ni kore dankas ilin kaj esperas baldaŭ plilongigi la liston.

## NEKROLOGO

La 23an de decembro 1931 mortis, post longa malsano, nia eminenta membro P-ro D-ro Nikolas BOKARIUS, Direktoro de la Jurmedicina Instituto de Ĥarkovo (Sovetunio). T.E.K.A. perdis gravan anon, kiu multe sin interesis pri nia movado.

Niajn plej sincerajn kondolencojn al lia familio, speciale al lia filo, kiu anstataŭis lin kiel Direktoro de la Jurmedicina Instituto.

---

Mortis en Krakow la edzino de P-ro BUJWID, eminenta samideano, tutmonde konata, kaj fidela T.E.K.A.-ano kaj kunlaboranto de I.M.R. La Redakcio de I.M.R. esprimas al estimata P-ro Bujwid profundan kondolencon.

BROMAEX
Na. Br. Nutra Feĉo-Ekstrakto, fosforhava kombinaĵo
VITAMINOJ

PHERALAN-O
Ol. eter. miksita. Ungvento neŭtrala, sterilizita, sen mentolo.

la senkondiĉe fidinda, nepre efika
SEDACIILO
fluida, malriĉa je natria klorato, dietetika, ŝpariga.

Absolute milda, rapide efikanta
NAZUNGVENTO,
libera je kaŭterizaj substancoj.

BERO G.M.B.H. DARMSTADT, German.

Sole la granda
ENCIKLOPEDIO
DE
ESPERANTO
kostos al vi
23.— sv. fr.
Tamen, tiun libron kun
5
aliaj libroj, entute kun paĝonombro
2000
kaj en la valoro de
55.— fr. sv.
donas al vi por la jara kotizo en 1933, por
13.50
svisaj frankoj la
Asocio de Esperantistaj Libro-Amikoj
se vi aliĝas al ĝi antaŭ 1 februaro 1933
TIAL
rapide mendu detalan senpagan prospekton de ĝia administranto
LITERATURA MONDO
Budapest, IX., Mester utca 53, V. 7, Hungarujo

Laboratorioj BRUNEAU kaj Kio
(MARKO TRIOLLET)
PARIS — 17, Rue de Berri, 17 — PARIS

LIGILOJ STERILAJ AŬ NE
Katgutoj — Firenzaj Haregoj — Silkfadenoj — Linfadenoj — Bronzfadenoj

KAŬĈUKAJ ARTIKOLOJ KAJ GANTOJ
"Cutiplaste" BRUNEAU
SPARADRAPO KUN ZINKOKSIDO PERFEKTE ALGLUIĜANTA
Agento por Belgujo : Marcel DU BLED, 192, rue des Palais, Bruselo

# Patentex

*D·R·P*

## Vagina antisepsilo, profilaksa

De pli ol 25 jaroj elprovita en la manoj de la kuracistoj. — Fidinda en la agado, simpla en la uzo, senlime tolerebla.




**Patentex-Fabrik. Frankfurt A. M.** (GERMANUJO)

# ARCTUVAN

**laŭ D-ro E. WOSSIDLO**

(Konsisto: Ekstr. uv. ursl. kaj lign. sant., Fen. sali., heksamet. tetram.)

Nova kuracilo kontraŭ **ĉiuj akutaj kaj kronik. pielitoj kaj veziko-pielitoj, ĉiuj formoj de vezikaj malsanoj, de malsanoj de la vezikkolo, gonoreo kaj ties komplikaĵoj.**



Literaturo kaj specimenoj de **D-ro Otto Krause, Magdeburg, Germanujo.**

# TABELO DE ENHAVO

### A



### B



### D



### E



### F



### G



### H

## I



## J



## K



## L



## M



## N



## O



## P

## R



## S



## T



## U



## V



---

# Tabelo de la Aŭtoroj

# SPETON



Internacia protektita
fabrik-marko

**Profilaksa**
**Vagina**
**Desinfektilo**

en

**sengrasaj,**
**solveblaj premaĵoj**

INDIKOJ :

Kontraŭ blanka fluo, metrito kaj erozioj.

Specimenoj kaj literaturo senpage al kuracistoj.

## TEMMLER-WERKE
**Berlin-Johannisthal**
**(GERMANUJO)**

Certa
Scienca

estas « SAGROTAN », la nuntempa desinfektilo kun agrabla odoro kaj plej forta bakteri-mortiga kapablo; tute ne domaĝa, speciale ŝpariga je uzo ĉar en kazoj kiel akuŝoj, ĝi
En Germanujo per ministeriaj decidoj rekomendita por la akuŝarto.
estas uzata en nur 1/2 %a solvajo; speciale dediĉata al desinfektado de manoj kaj instrumentoj, ankaŭ al akuŝarto kaj ginekologio.

"SAGROTAN"

(registrita marko).

*Specimenoj kaj literaturo senpage de*

**SCHÜLKE & MAYR Aktien** — Gesellschaft, Hamburg 39 (Germanujo)

Oerelin
Ol. lavand. Ol. macid. Ol. pini silv. Ol. tereb. Camph. Ammon. Thymol Alc.
kl.O.p. 1.10
Ekstera frotrimedo kontraŭ neŭralgiaj kaj reŭmatikaj difektoj, iŝhia neŭralgio, sportdifektoj. Permesita de multnombraj malsanulkasoj.

Fineural
Bromisovat urea 0,2. Pyr. dim. aminophenyl. fim 0,2. Cod. phosph. 0,005. Extract. bellad. 0,01
Por dolorforigo kaj trankviligo en neŭralgioj, gripo kaj dismenoreo.
10 Tabl. 0.55
20 Tabletten 0.91

Oerelin **estas enskribita** en la **formularo** de la **germana kuracil-komisiono,** V. eld. **p. 150.**

Dr. Oehren & Co. Berlin SW 61

# MUTOSAN

Klorofilin-Saponin-Silicio-preparaĵo elprovita de pli ol 10 jaroj en la kontraŭbatalo de

## TUBERKULOZO, BRONĤITO, TUSO

de grava signifo kiel profilaksilo post gripo, pulmaj kaj pleŭraj inflamaĵoj por malhelpi kaj resanigi komencantan tuberkulozon.

**MUTOSAN-SIROPO**
1 botelo = kvanto por unu semajno

**MUTOSAN-TABLETTEN**
1 tubo = kvanto por unu semajno



**D-ro E. UHLHORN K^io, Ĥemia Fabriko**
Wiesbaden-Biebrich (Germanujo).

**Tonika**

## NERVONUTRA
## KVIETIGA
## DORMIGA

# NERVOPHYLL

Konsisto: Klorofilin, bromsalo, fenagono, anidoprino, dietilbarbiturata acido en molekuloj, kunigilo.

Solvaĵo en boteloj po 200 gr.
Premaĵoj en tuboj po 15 pecoj.
Literaturo je dispono.

**MALALTAJ DOZOJ — GRANDEGA EFIKSKALO!**

# Die Zeitschriften
# für die tägliche Praxis des Spezialarztes
aus dem medizinischen Verlag
# S. Karger - Berlin NW 6

## Archiv für Verdauungs-Krankheiten
Stoffwechselpathologie und Diätetik
Redigiert von I. BOAS (Berlin).
Erscheint alle 2 Monate. 6 Hefte bilden einen Band. Preis des Bandes Mk. 28.—

## PASSOW-SCHAEFER BEITRÄGE
zur Anatomie, Physiologie, Pathologie und Therapie
DES OHRES, DER NASE UND DES HALSES
Herausgegeben von
A. GÜTTICH, Köln — O. WAGENER, Göttingen — J. ZANGE, Jena
Erscheinen in zwanglosen Heften, die einzeln berechnet werden. 6 Hefte bilden einen Band.

## Dermatologische Zeitschrift
Berichtsorgan der Berliner Dermatologischen Gesellschaft
Herausgegeben von ERICH HOFFMANN, Bonn
Erscheint monatlich. 6 Hefte bilden einen Band. Preis des Bandes Mk. 24.—

## *Monatsschrift für Geburtshülfe und Gynäkologie
Herausgegeben von
A. MARTIN, Berlin — A. DÖDERLEIN, München — L. SEITZ, Frankfurt a. M. — H. SELLHEIM, Leipzig — G. A. WAGNER, Berlin
Erscheint monatlich. 6 Hefte bilden einen Band. Preis des Bandes Mk. 24.—

## *Jahrbuch für Kinderheilkunde
Herausgegeben von
G. BESSAU, Berlin — J. v. BOKAY, Budapest — A. CZERNY, Berlin — E. FEER, Zürich — H. KLEINSCHMIDT, Köln — K. STOLTE, Breslau
Erscheint monatlich. 6 Hefte bilden einen Band. Preis des Bandes Mk. 18.—

## *Zeitschrift für Augenheilkunde
Begründet von H. KUHNT und J. v. MICHEL
Geleitet von C. BEHR, Hamburg und J. MELLER, Wien
Erscheint monatlich. 6 Hefte bilden einen Band. Preis des Bandes Mk. 18.—

## *Monatsschrift für Psychiatrie und Neurologie
Herausgegeben von C. BONHOEFFER, Berlin.
Erscheint monatlich. 6 Hefte bilden einen Band. Preis des Bandes Mk. 32.—

## RADIOLOGISCHE RUNDSCHAU
**RÖNTGEN-RADIUM-LICHT**
**Herausgeber: G. Boehm-München - A. Döderlein-München - Carl J. Gauss-München Fr. Jamin-Erlangen - K. Kaestle-München - Fr. Voltz-München - H. Wintz-Erlangen**
Erscheint alle 2 Monate. 6 Hefte bilden einen Band. Preis des Bandes (Jahrganges) Mk. 15.—

**Probehefte dieser Zeitschriften stehen zur Verfügung**

Zu den mit * bezeichneten Zeitschriften erscheinen Beihefte unter dem Titel "Abhandlungen" zwanglos zu verschiedenen Preisen, Verzeichnisse stehen auf Wunsch zur Verfügung.


Impr. Médicale et Scient., rue Botanique, 34, Bruxelles.